# Esperanto en Azio

**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**

**N-ro 79**

Bulteno de KAEM

Majo 2013

**Sendu viajn mesaĝojn al ni pere de azio@yahoogroups.com**

---

## Sukcese okazis
## La 7-a Azia Kongreso de Esperanto
## 2013/04/18 – 04/22 Jerusalemo, Israelo




Antaŭ la Holokaŭsto-Muzeo Yad Vashem en Jerusalemo

**Mesaĝo de JoMo, raporto de Siva el Barato kaj fotoj de Amri kaj Jael**

Ankoraŭ ne estas preta la oficiala raporto pri la Azia Kongreso, do anstataŭe jen mesaĝo de JoMo, franca kantisto, raporto de Siva el Barato kaj fotoj de Amri kaj Jael.
http://eo-azio.blogspot.in/2013/04/7a-azia-kongreso-jerusalemo-israelo.html
kaj fotojn pri la Kongreso (kaj postkongreso), de Amri el Israelo
https://picasaweb.google.com/104206151883892331911/AziaKongresoDeEsperantoIsraelo2013
kaj de Jael
https://plus.google.com/photos/113818810735012045780/albums/5871581785128017505?banner=pwa

# Saluto de Wang Ruixiang, la nova prezidanto de KAEM

Estas granda honoro kaj plezuro, ke mi estis elektita kiel la nova prezidanto de KAEM. Mi dankas al la komisionanoj, kiuj donis al mi tiel altan konfidon, dankas al la eksaj estraranoj de KAEM pro ilia granda kontribuo, kaj dankas ankaŭ al la Esperanto-Ligo en Israelo pro la elstara laboro kaj sukcesa Azia Kongreso.

En tiu ĉi Kongreso de Esperanto preskaŭ 200 samideanoj el 27 landoj partoprenis, inkluzive de Azio, Eŭropo, Ameriko kaj Oceanio. Tio signifas, ke la azia kongreso estas iom simila kiel Universala Kongreso. Nome de KAEM mi elkore dankas al ĉiuj kongresanoj pro iliaj atento kaj subteno al la Azia Esperanto-Movado.

Mi, kiel la nova prezidanto de KAEM, kaj la estraranoj el diversaj aziaj landoj daŭre tenos tiujn ĉi laboremon, entuziasmon kaj efikecon. Ni kunlaboros por disvolviĝo de la azia

Esperanto-movado, daŭrigos pli grandan kontribuon por la paco kaj amikeco en la tuta mondo.

Kaptante la bonŝancon, laŭ la konsento de KAEM, mi anoncas informon pri tio, ke la venonta 8-a Azia Kongreso de Esperanto okazos en Ĉinio en la jaro 2016.

Mi sincere esperas kaj kredas, ke nia agado brile sukcesos en nia Esperantujo en estonteco.

## Saluto de eksa prezidanto s-ro Sasaki

Pace finiĝis la 7-a Azia Kongreso de Esperanto, kies temo estas "Ekologio de paco – kunvivado de homo, medio kaj naturo". Mi sentas la pacon plej grava depost la 6-a ĝis la fino de la 7-a Azia Kongreso. Dume kelkfoje minacadis konfliktoj en tiu loko la pretigon de la Kongreso. Oni devas alte estimi la sukcesan okazigon de la Kongreso kiel miraklon. Kelkaj eminentaj esperantistoj admonis min eĉ al ŝanĝo de la loko de la 7-a Kongreso, konsiderante furioziĝon de bombardoj. Tiam organizantoj persistis tutanime ĉe sia preparado de la Kongreso. Dank' al tia sindona strebado fariĝis ebla la 7-a Kongreso. Antaŭ ĉio mi dankas al s-ro Amri Wandel pro lia energia agado por sukcesigo de la 7-a Azia Kongreso.

Por mi estas tre feliĉe, ke la nova prezidanto de KAEM estis elektita. Multe da membroj de KAEM ne povis ĉeesti la kunsidon pro diversaj kialoj. Sed la kvorumo estis atingita per rajtigiloj kaj anstataŭantoj. Mi estas konvinkita, ke la nova prezidanto el Ĉinio estas fidinda kaj forta je iniciativo, kaj ke vic-prezidantoj estas kompetentaj en disvolvigo de Azia Esperanto-Movado. Nova epoko komenciĝas por KAEM, ĉar unuafoje naskiĝis prezidanto krom koreoj kaj japanoj. Tiu signifo estas tre granda. Dum mia prezidanteco mi faris mian taskon laŭeble subteni la aperintajn burĝonojn de Esperanto-Movado en aziaj landoj. Ne gvidi desupre, sed subteni. Mi neniam aperigis iniciativon por okazigi ion ajn. Sed

mi volus helpi al spontane naskiĝinta agado. Plej grave estis al mi eviti senutilajn konfliktojn inter samideanoj. Mi esperas, ke la nova prezidanto, kontraŭe, elmontru iniciativon kaj forte gvidu la Azian Esperanto-Movadon.



(desegnaĵo farita de HORI Jasuo)

Dank' al la 7-a Azia Kongreso mi sukcesis vidi bonegajn samideanojn kaj la plej fantazian urbon. Mi asertas, ke grandan rekompencon mi ricevis kiel esperantisto kaj antaŭa prezidanto de KAEM. La sekva Azia Kongreso okazos en Ĉinio. Sub la nova prezidanto ĝi nepre sukcesos, kaj partoprenontoj ĝuos la novan kaj malnovan kulturon de Ĉinio. Stafeto de Esperanto estas transdonita de Israelo al Ĉinio. Mi ĝojas, ke fruktodone daŭras kaj kreskas la Azia Kongreso. Koran dankon al aziaj esperantistoj pro ilia energia sindonema agado!

# Nova konsisto de KAEM

**Ĉinio:** Wang Ruixiang 13436481089@163.com; wrxzj@tom.com
Prezidanto, Projekto A (Preparado de la 8-a Azia Kongreso en Ĉinio)

**Japanio:** Inumaru Fumio inumaru-f@nifty.com
Vic-prezidanto, Projekto C (Membriĝo), Subteno al Indonezio, Filipinoj, Ekspedo de la revuo ("Esperanto en Azio")

**Mongolio:** Chimedtseren Enkhee enchjo@yahoo.com
Vic-prezidanto, Ĝeneral-sekretario (pri subvencio kaj elspezo el buĝeto), Reviziisto de KAEM-buĝeto, Interrilato kun direktoro de UEA

**Hindio (Barato):** Giridhar RAO agiridhar.rao@gmail.com
Interrilato kun UEA (Raportoj al UEA pri KAEM-agado), Subteno al Srilanko

**Irano:** Omid Rohanian omid.rohanian@gmail.com
Subteno al najbaraj landoj de Irano (Arabaj Landoj)

**Nepalo:** Mukunda Raj Pathik mpathik@gmail.com
Organizo de SAS (Sud-Azia Seminario), Projekto Ĉ (Edukado)

**Vjetnamio:** Le Thi Thien Thu lethienthu.esper@gmail.com
Subteno al Sud-Orientaj landoj (Laoso, Kamboĝo, Tajlando, Malajzio)

**Pakistano:** Zubair Muhammad zurnab_pk@yahoo.co.in
Subteno al najbaraj landoj (Bangladeŝo, Afganio), Organizo de SAS

**Taĝikio:** Firdaus Shukurov komintel@yandex.ru
Interrilato kun Centr-aziaj landoj (Kazaĥio, Uzbekio, Kirgizio, Azerbajĝano, Turkio kaj Rusio)

**Koreio:** Kim Hiongun nomota@mobigen.com
Projekto D (Publikado kaj sendado de lernolibroj, lerniloj de Esperanto)

**Israelo:** Eran Vodevoz evodevoz@yahoo.com

Projekto B, Interrilato kun eŭropaj kaj afrikaj landoj, nord- kaj sud-Amerikoj

**Honoraj prezidantoj**
Puramo CHONG (Koreio)
Hori Jasuo (Japanio) hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Kompilado de la revuo "Esperanto en Azio", Projekto C (Membriĝo al UEA)
Lee Jungkee (Koreio) esperanto@saluton.net
Konsilanto pri interrilato de aziaj landoj
Sasaki Teruhiro (Japanio) steruhiro@hotmail.com.co.jp
Helpanto de la estraranoj de KAEM

## Dankon al eksaj KAEM-anoj

Ni kore dankas al s-ro Sasaki Teruhiro, s-ino Esther Sebban el Israelo, s-ro Hoang Ngoc Boi el Vjetnamio, s-ro Park Yong-sung el Koreio kaj s-ro Ranganayakulu Potturu el Barato por ilia kunlaborado en KAEM. Pliajn sukcesojn kaj feliĉan vivon al ili!

## Ĉina pentristino donacis pentraĵojn dum la AK

Dek ĉinaj esperantistoj partoprenis en la 7-a Azia Kongreso de Esperanto. Peona (Zhang Xiuxian), ĉina pentristino lerta en pentrado de peonio, kunportis pentraĵojn, ĉefe pri peonio, de Ĉinio al Jerusalemo. Ŝi donacis tri pentraĵojn de peonio (kun kaligrafio) al la Kongreso, KAEM kaj Esperanto-Ligo en Israelo (ELI) respektive dum la inaŭguro. Krome ŝi ekspoziciis siajn verkojn en la kongresejo, kiuj interesis multajn homojn. Multaj ĉinoj ŝatas peonion kaj rigardas ĝin kiel la nacian floron. Ŝi donacis siajn kreaĵojn ankaŭ al kelkaj aliaj samideanoj, kiuj ŝatas ĉinan kulturon.

Krome, ekspoziciante siajn verkojn, ŝi pacience klarigis la karakterizaĵojn de la tradicia ĉina pentrado, ekzemple, la diferenco inter la liberala stilo, kiu emfazas similecon en spirito, ne nur en aspekto, kaj la realisma stilo, kiu uzas delikatajn tuŝojn. Interesitaj spektantoj aĉetis kelkajn el ŝiaj pentraĵoj. Ŝi sukcesis altiri spektantojn per tradicia ĉina arto. Diero (Zheng Bocheng)

# Israelo

## Esperanta RetRadio

Koran dankon por via partopreno en la Azia Kongreso en nia lando. Verŝajne, mi jam iom tedis vin per mia antaŭpuŝo de la Esperanta RetRadio, sed por ni 5 esperantistaj volontuloj el la tuta mondo, kiuj kunlaboras en ĝia interreta elsendo, ĝi estas tre grava tasko, fakte misio por Esperanto. Do bonvolu laŭ viaj ebloj diskonigi ĝin inter viaj esperantistaj konatuloj. Ĉi-cele jen reklamilo:







Krome, se vi deziras, vi povas spekti kelkajn miajn Esperantajn filmetojn el mia filma albumo en interreto:
https://vimeo.com/album/2111699 Gian Piero Savio

# Sukcesis
# la Unua Indonezia Esperanto-Kongreso




**Komuna foto ekster la Salono L. L. Zamenhof**

De la 5-a ĝis la 8a de aprilo 2013 en Bogor, Okcidenta Javo, sukcese okazis la Unua Indonezia Esperanto-Kongreso. Al tiu kongreso, aliĝis 76 personoj el 13 landoj, el kiuj 66 personoj el 10 landoj partoprenis (dum pluraj aliaj vizitis ĝin, interalie ĵurnalistoj).

Ĉi-kongreso havis kiel temon "Revivigu la Indonezian Esperanto-Movadon". Antaŭ multaj jardekoj, jam dum la nederlanda koloniado, la indonezia E-movado vigle kaj rapide kreskis ĝis ĝi malaperis en 1965 pro la politika situacio. Do, ni esperas, ke pro tiu ĉi kongreso la Esperanto-movado en Indonezio povas revigliĝi. Ĉi-sube estas la raporto pri kelkaj programeroj.

**Malfermo**

Ilia Dewi kiel prezidantino de la Loka Kongresa Komitato malfermis la Unuan Indonezian Esperanto-Kongreson en la dua tago de la kongreso, la 6-an de aprilo 2013. En tiu ĉi kongreso, ni laŭtlegis kelkajn salutmesaĝojn de eksterlandaj esperantistoj. La mesaĝojn ni aperigis kun traduko en la kongreslibro. Ankaŭ kelkaj partoprenantoj nome de siaj E-asocioj parolis kaj salutis. Nome de la Ministerio pri Eksterlandaj Aferoj, s-ro Pribadi Sutiono salutis kaj bonvenigis la partoprenantojn kaj parolis pri la planoj de la Ministerio enmeti Esperanton en programon de la lingvocentro, kiun ili starigos ĉi-jare.

Lokaj dancistoj prezentis du dancojn de Okcidenta Javo. La programo finiĝis per la kantado de "La Espero", komuna fotado, kaj iom da manĝetoj.

**Interkona Vespero**

En la unua vespero de la kongreso, la partoprenantoj kuniĝis, konatiĝis kaj ludis kelkajn ludojn. Ni disdonis manĝetojn kiel premion al la gajnintoj.

**Kurso de indonezia lingvo**

Dum la kongreso Eko dufoje gvidis lecionon pri indonezia lingvo. Multaj esperantistoj interesiĝis en la programero, speciale tiuj el Aŭstralio kaj Japanio. En la unua renkontiĝo, li instruis la alfabeton indonezie kaj donis ekzemplojn. En la dua renkontiĝo, li instruis lecionon kiel prezenti sin mem indonezie. Poste, ankaŭ ni lernis pri kelkaj novaj vortoj kaj ciferoj.

**Kantado (Ĥoro)**

Alan Bishop kaj Robert Leereveld el Aŭstralio instruis E-kantojn al kelkaj esperantistoj, ekz. Valsu Matilda, La Lingvo por Ni, kaj Bonan Nokton. La programero okazis trifoje, kaj poste la ĥoro prezentis sin en la Arta Vespero.

**Kursoj**

Okazis kursoj en tri niveloj dum la kongreso: baza, meza, kaj supera. Bazan nivelon instruis Jennifer Bishop kaj Franciska Toubale el Aŭstralio, la mezan, Kristin Tytgat el Belgio kaj la superan, Marcel Leereveld el Aŭstralio. En la baza nivelo, gekursanoj lernis bazajn vortojn en Esperanto kaj ankaŭ lernis, kiel prezenti sin mem kaj saluti. En la meza, gekursanoj lernis kiel krei vortojn per prefiksoj kaj/aŭ sufiksoj, kaj en la supera ili lernis pri aktiva kaj pasiva voĉoj (aspekto) kaj ĝia formo en Esperanto.

**Ekzameno**

Kvar kongresanoj aliĝis al la unuanivela ekzameno de ILEI. La ekzamenon gvidis Kristin Tytgat, Marcel Leereveld kaj Jennifer Bishop. En la unua parto, ili devis skribi kelkajn malfacilajn vortojn, kiujn Kristin kaj Marcel diktis. Poste, ili devis traduki frazojn al Esperanto. Fine, ili devis respondi kelkajn demandojn pri Esperanto kaj ĝia movado. Sekvan tagon okazis buŝa (parola) ekzameno. Ili devis elekti unu bildon kaj poste rakonti pri tio en Esperanto. Ĉiuj kvar sukcesis en la ekzameno.

**Artaj Aranĝoj**

Okazis artaj aranĝoj dum la kongreso, interalie ateliero pri danco de Balio, kongresa balo, faldado de lokaj virkaptukoj, kaj Internacia Arta Vespero. Plejparte prezentiĝis loka kulturo, sed ankaŭ kelkaj eksterlandaj esperantistoj prezentis sian kulturon. Krome japanaj esperantistoj kantis E-kanton "Heliko", kaj la ĥoro kantis, gvidate de Alan kaj Robert.

**Prelegoj, Kongresa Temo, kaj Ĝenerala Kunsido**

Prezentiĝis kvar prelegoj dum la kongreso, t.e. pri Pasporta Servo, Delegita Reto (gvidataj de Tahira Masako el Japanio), Historio de E-Movado en Indonezio kaj moderna indonezia E-movado (gvidataj de Heidi el Belgio).

Ankaŭ okazis kunsido por diskuti la kongresan temon kaj kunsido por diskuti la fondon de la E-asocio en Indonezio, konfirmi la statuton kaj elekti la estraranojn. Finfine, oficiale estis fondita Indonezia Esperanto-Asocio. Heidi Goes faris retan aliĝilon.

**Aŭkcio**

S-ino Tahira Masako el Japanio gvidis la aŭkcion de la donacitaj esperantaĵoj. La enspezoj el la aŭkcio, 75 usonaj dolaroj, estis donacitaj al Indonezia Esperanto-Asocio.

**Jumeiho-Montrado**

Muhammad Zaeni prezentis la terapion Yumeiho. Li prezentis la teĥnikon kaj poste praktikis ĝin al partoprenantoj.

**Batika Kurso**

F-ino Sasri Wildandini instruis kiel oni faras la batikon (indonezian tradician manieron farbi ŝtofon). En ĉi-kurso, partoprenantoj lernis desegni bildon sur la ŝtofo per likva parafino, poste mergis ĝin en la koloran akvon kaj varman akvon por ke la parafino degelu kaj kreiĝu la bildo sur la ŝtofo.

**Fermo**

En la lasta tago de la kongreso, la 8-a de aprilo, Sasri raportis pri la kongreso kaj Heidi iom memoris pri sia konatiĝo kun Ilia kaj dankis ŝin pro la multa laboro en la lastaj monatoj. Post tio, Ilia Dewi oficiale fermis la kongreson. Fine, ni kantis la himnon "La Espero".

Ni esperas ke tiu ĉi kongreso povas porti novan senton per facila vento por ke la E-movado en Indonezio rapide rekresku.

Raportis: Eko Nur Syah Hidayat (Eko Nur Ŝah Hidajat) nome de IEA.

**Saluto de Heidi Goes, subtenanto de la indonezia movado**

Post monatoj da preparo por la Indonezia Esperanto-Kongreso kaj mia kvina instru-kaj propagando-vojaĝo ambaŭ ankaŭ efektiviĝis kaj bone sukcesis. Dum la semajnoj post mia reveno mi ĉefe verkis raportojn, kaj krome intervjuiĝis kaj prelegis pri la temo. Mi ĝojas, ke mi fine povas al vi prezenti tiujn raportojn, kaj eĉ pli ĝojos, se iuj legos ilin. Ili NE estas teda listigo de lecionoj, intervjuoj kaj sukcesoj (mi notas ankaŭ malsukcesojn). Eĉ ne temas nur pri Esperanto, sed pri preskaŭ ĉio kion mi faris, vidis, spertis en Malajzio, Indonezio kaj Orienta Timoro dum kvin semajnoj (8/3-11/4/2013).

Mallonga teksto, precipe pri la amaskomunikilaj atingoj, legeblas en la blogo. Listo de aperintaj artikoloj en Orienta Timoro kaj Indonezio ankaŭ haveblas (mankas ankoraŭ artikoloj kiuj aperis post kiam mi forlasis la regionon kaj kiujn mi ankoraŭ ne ricevis ajnaforme).

Mi dankas al la esperantistoj, kiuj, leginte la rezulton en Orienta Timoro en miaj antaŭaj mesaĝoj, decidis subteni la partoprenon de orienttimoranoj al la Indonezia Esperanto-Kongreso aŭ poste ĝiris monon por la movado en Indonezio kaj/aŭ Orienta Timoro. Se ankaŭ vi ŝatus subteni la junan movadon en Indonezio kaj la ege junan movadon en Orienta Timoro, tio eblas al la respektivaj UEA-kontoj 'iesa-p' kaj 'timoro'. Se vi havas preferon pri la utiligo de la mono, bv. sciigi tion en la mencio ĉe la pago aŭ sendi mesaĝon al mi ĉe heidi.goes@gmail.com.

Mi dankas ankaŭ al KAEM kaj al la du esperantistinoj kiuj finance subtenis mian vojaĝon. Depende de tempo kaj subteno (kio eblas al UEA-konto hego-v) mi reiros al Indonezio kaj/aŭ Orienta Timoro en 2014 aŭ 2015 por pli longa periodo (2-4 monatoj). Mi bonvenigas reagojn al miaj raportoj, kaj konsilojn por la sekva vojaĝo ĉe mia retadreso. Mi dankas pro tio, ke vi legis ĝis la fino de ĉi tiu letero kaj esperas, ke vi ĝuos la raportojn.

## Ĉinio

## La 7-a EKNI okazos en aŭgusto 2013

Inter la 5-a kaj 6-a de aprilo en Changchun, la ĉefurbo de Jilin-provinco, kunvenis prezidantoj, vic-prezidantoj, ĝeneralaj sekretarioj el la provincaj asocioj de "Tri Provincoj kaj Unu Regiono" de Ĉinio (Heilongjiang, Jilin kaj Liaoning en la nordorienta parto kaj Aŭtonoma Regiono de Interna Mongolio) por okazigo de la 7-a Esperanto-Kongreso de Nordoriento kaj Interna Mongolio de Ĉinio (EKNI). Ĝin prezidis s-ro Liu Minghui, ĝenerala sekretario de Jilin-a Esperanto-Instituto.

La kunveno faris decidojn:

1. Por faciligi prononcadon kaj memoradon unuigas mallongigon de la kongreso, t.e. per EKNI anstataŭ la uzitaj NOĈK kaj EKNOIMĈ.
2. La 7-a EKNI okazos inter la 16-a kaj 18-a de aŭgusto 2013, en Jilin-a Universitato en Changchun, Jilin, kun la temo "Penege plibonigu la Esperantan kapablon".
3. Starigi la komunan organon de Tri Provincoj kaj Unu Regiono.
4. En la tuta kongreso estas unu-tema kunsido! Sufiĉe konsiderinte kaj serioze analizinte la nunan situacion de la movado en Tri Provincoj kaj Unu Regiono aliaj temo-kunsidoj ne estas aranĝotaj en tiu ĉi kongreso por vere solvi realajn problemojn.
5. Ne mankas aliaj programeroj ekz. oratora konkurso por gejunuloj, aŭkcio, bankedoj, interkona vespero, ekskursoj ktp.

Pri programeroj, kotizo, aliĝilo, loĝado ktp. oni legos en Unua Bulteno nelonge aperonta.

Wu Guojiang
Vic-prezidanto de Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, Ĉinio.
Telefono kaj fakso: (024) 52650322;
Retadreso: amikeco999%4021cn.com

# Internacia Somera Lernejo de Esperanto en Xi'an

**Komunaj organizantoj:** ILEI-CN, Xi'an-a Esperanto-Asocio
**Dato:** 21-a de julio ĝis 11-a de aŭgusto 2013
**Loko:** Monaĥejo Tiefo, 80km nordokcidente de Xi'an, Ĉinio
**Programo:**

Kursaro pri ABC, gramatiko, vortofarado, traduko, legado kaj verkado, konversacio. Seminario pri interŝanĝo de spertoj kaj instru-metodoj, Sesio de Esperantologio.

**Kotizo:**

300 RMB, la kotizo ne inkluzivas manĝadon, tranoktadon kaj lernolibrojn. Portempa partoprenanto: 100 RMB por semajno aŭ malpli ol semajno, 200 por du semajnoj aŭ malpli ol du semajnoj.

**Loĝado kaj Manĝado:**

2-4-lita ĉambro aŭ amasloĝejo (dependas de tiama kondiĉo de la Monaĥejo): 15/persono/nokto ene de Monaĥejo Tiefo kun vegetalaj manĝoj. Ekster la Monaĥejo troviĝas restoracioj por nevegetaranoj.

**Kiel atingi la Monaĥejon Tiefo:**

Trajne: ĉe Xi'an-a stacidomo oni povas preni la aŭtobuson N-ro 103 ĝis Okcidenta Transporta Stacio kaj ŝanĝi al rapidega buso, elbusiĝi ĉe la haltejo "Qian Xian Yuhua Hotelo" kaj preni buson aŭ minibuson ĝis la Monaĥejo Tiefo.

Aviadile: de Xi'an-a flughaveno al la Monaĥejon Tiefo oni povas preni la flughavenan aŭtobuson ĉe la elirejo al la gubernio Qian Xian kaj poste preni buson aŭ minibuson ĝis la Monaĥejo Tiefo.

Ĉe alveno kaj foriro, Xi'an-a Esperanto-Asocio proponos pagan transporton inter la flughaveno aŭ Xi'an-a stacidomo kaj Monaĥejo Tiefo: 160/ses-seĝa buso. Kunprenantoj dividos la sumon.

**Kontakto:** Arko : arko.gong@qq.com;

## Kongreso de Ŝanhaja Esperanto-Asocio kaj Jarkunveno

La 19-an de januaro 2013 la kongreso de Ŝanhaja Esperanto-Asocio kaj jarkunveno okazis en la nova distrikto Pudong de Ŝanhajo. Ĉirkaŭ 50 asocianoj ĉeestis en la kongreso, inkluzie de sinjoro He Baojun el Ŝanhaja Federacio de Soci-sciencaj Rondoj.

En la kongreso oni unuanime adoptis la laborraporton de la kvina konsilantaro de Ŝanhaja Esperanto-Asocio raportitan de la prezidanto Wang Minhao, la raporton pri revizio de la statuto de Ŝanhaja Esperanto-Asocio de la vicprezidanto Xu Deji kaj la novan statuton de Ŝanhaja Esperanto-Asocio.

En la kongreso oni aŭskultis raporton pri la kaŭzo kaj konsistigo de la sesa konsilantaro de Ŝanhaja Esperanto-Asocio, de la vicprezidanto kaj samtempe ĉefsekretario Zhou Tianhao. Ĉiuj kongresanoj aprobis voĉdone per manlevo la novelektitajn membrojn de la nova konsilantaro. Sekve okazis la unua kunveno de la nova konsilantaro kaj elektis la novan prezidanton Wang Minhao, la vicprezidantojn Song Binhui, Xu Deji, Zhou Tianhao kaj la ĉefsekretarion Zhou Tianhao (kumulante) de la sesa konsilantaro. Samtempe oni nomumis la veteranan esperantiston profesoron Wei Yuanshu honora prezidanto de la Asocio.

S-ro Wang Minhao, la prezidanto de la sesa konsilantaro pluapaŝe ellaboris la laborplanon de la Asocio. La novelektita vicprezidanto Song Binghui kaj la nova konstanta membro de la konsilantaro Chen Guoqin kaj aliaj esprimis sian subtenon kaj kontribuon al la Asocio laŭeble.

S-ro He Baojun en la nomo de Ŝanhaja Federacio de Soci-sciencaj Rondoj gratulis Ŝanhajan Esperanto-Asocion pro la sukcesa formo de la nova konsilantaro.

En la scienca jarkunveno la prezidanto Wang Minhao konigis al ĉiuj la kunvenon de la ĈEL-konstanta komitato, okazigitan en la 16-a de januaro. Li ankaŭ komunikis al la asocianoj la gravan

paroladon de s-ro Guo Xiaoyong, la unua vicprezianto de ĈEL. Poste s-ro Wang Minhao per konigis la memorkunvenon pri la 125-a datreveno de la naskiĝo de Esperanto okazigitan de Ĉina Esperanto-Ligo en Beijing kaj la eldonceremonion de la albumo de bildoj <Kuniro kun espero>.

raportita de Shen Xiaoxi, esperantigita de Ji Yingeng

# Barato

## Nova libro "Perfidulo" estis Esperantigita

"Perfidulo", Narayan Sanyal, Politiko, FEB en Kalkato, 2013. Libro pri la atomenergia spionado fone de la dua mondmilito. Prezo: 12.60 EUR. Pliaj informoj, reta mendilo: http://katalogo.uea.org?inf=6114

La novaĵo estas tre ĝojiga, ĉar temas pri libro originale en la bengala kaj tradukita al Esperanto de tre bona barata esperantisto, Syam Sundar Pal. La libro, krome, estis ankaŭ eldonita en Barato mem zorge de la Federacio Esperanto de Barato - Kalkato.

Kiel koncize raportas la libroservo de UEA, temas pri intrigoj ĉirkaŭ la produktado de la unuaj atombomboj. Oni detale klarigas pri la vivo de la koncernataj sciencistoj, pri iliaj ideoj kaj pri iliaj aventuroj. Tamen, mi pensas, ke ĉiuj aziaj esperantistoj devas esti kontentaj pri libro produktata en Barato, kio montras ke la tiea movado fortiĝas.

Laŭ la eŭropaj reguloj, mi ne rajtas verki recenzon pri la libro, ĉar mi mem verkis la antaŭparolon, kaj do mi estas principe favora al la libro, kiu komencas montri la eblecon, ke en Esperanto hejmiĝu ankaŭ la vasta kulturo de Barato kaj ĉirkaŭaj landoj, kiu ĝis nun estas entute nekonata.

Vi povas ankaŭ mendi la libron rekte ĉe la eldonejo per mesaĝo al Syam Pal <sspal_87@yahoo.com>. En tiu okazo la libro kostos nur 10 eŭrojn. renato corsetti renato.corsetti@esperanto.org

## Nepalo

## Sukcese Okazis la 10a Himalaja Renkontiĝo

La 10a Himalaja Renkontiĝo okazis de la 26a de februaro ĝis la 11a de marto 2013. Partoprenis la tutan programon entute 45 esperantistoj, kaj simila nombro, nur parton. La partoprenantoj inkluzivas 10 personojn el Japanio, 2 el Pollando, 4 el Francio, 1 el Rumanio kaj 1 el Danio; ĉiuj aliaj estis nepalanoj. La ĉi-jara celo de la programo estis florigi la Esperantan movadon en la orienta parto de Nepalo.




**En la urbo Itahari la partoprenantoj marŝas sur la ĉefa strato.**

La programo komenciĝis la 26an de februaro per akceptado de la gastoj; NEspA formale bonvenigis ilin en la 27a vespere en la hotelo Marsangdi en la distrikto Thamel. La prezidantino de NEspA s-ino Indu Devi Thapaliya solene malfermis la programon.

Reprezantantoj el diversaj grupoj (Francio: s-ro Sarbach Michel; Japanio: s-ino Takagi Michiko kaj s-ro Hori Jasuo; Danio: s-ro Peter Wraae; kaj Pollando: s-ino Kristina Bednarz; Rumanio: s-ino Maria Butan, KAEM-ano s-ro Mukunda Raj Pathik kaj Renkontiĝoĉefo s-ro LP Agnihotry kaj konsilanto de NEspA s-ro Philip Pierce deziris sukceson al la Renkontiĝo. La ĉefgasto de la programo, s-ro Hori Jasuo (Japanio), lumigis kandelon kaj disdonis Renkontiĝan materialon. Li gratulis ĉiujn partoprenantojn pro la partoprenado en la 10a Jubilea Renkontiĝo en Nepalo. Li opiniis, ke se aliaj landoj en Azio faras similajn aranĝojn estos bone por la movado.

Dekunutaga ekskurso kaj piedvagado komenciĝis la 28an de februaro post du tagoj, dediĉitaj al ekskursoj en Katmanduo-valo. En Itahari bonvenigis la grupon loka muzikistaro kaj girlandoj en programo organizita de la urbestro s-ro Ganesh Raj Karki. Poste oni paradis kun la standardo de Esperanto tra diversaj lokoj de la urbo. Pri la evento raportis diversaj lokaj televidkanaloj (inkluzive la faman televidkanalon Avenue) kaj sekvatage multaj ĵurnaloj. Bonvenigante, la urbestro deziris sukceson al nia lingvo kaj la vojaĝo. Ni ekmarŝis de Basantapur kaj atingis Pathivara-n en la 6a de marto, trairinte Cauki (2690m), Gufapokhari (2890), Sangu, Doivan kaj Funkgling.




Granda grupo de lernantoj kaj lokaj homoj bonvenigis la gastojn per florĉenoj kaj muziko en Sangu. Okazis formala parolado sur la teraso de la altnivela lernejo Narayani. Reprezentantoj el diversaj landoj parolis en la programo. Oni spektis

kulturan programon faritan de lenantoj. S-roj Michel kaj Pierre el Francio disdonis kajerojn kaj krajonojn al la lernejo.

En la 7a de marto la tuta grupo ekveturis al Ilam. La prezidanto de la komerca asocio de Taplejung, s-ro Tara Ghimire adiaŭis ĉiujn gastojn per ŝalo. Ilam estas fama pro siaj teĝardenoj kaj natura beleco. En la 8a s-ro Janardan Uprete (prezidanto de Meĉia Esperanto-Societo) bonvenigis la gastojn en Surunga (Jhapa Distrikto). Dum la tago ni piknikis en fama loko de Jhapa nomiĝanta Domukha.

En la 9a matene komenciĝis prelegoj ekde la 8a horo. S-ro Hori Jasuo instruis Esperanton, kaj poste s-ino Maria Butan prelegis pri Rumanio kiel vojkruciĝa lando de Eŭropo, s-ro Peter Wraae prelegis pri la dana filozofo Martinus, Kristina prelegis pri la kulturo (aparte la manĝaĵoj) de Pollando, Pierre prelegis pri fiŝkaptado en sia loko, s-ro Chol Nath Pokharel el Nepalo prelegis pri la kulturo (aparte al geedziĝritoj) de la Rai-komunumo, kaj s-ro Hori Jasuo kaj s-ino Oota Ŝigeko parolis pri la katastrofo en Fukuŝima. Poste gravuloj de la urbo estis invititaj, kaj s-roj Hori Jasuo kaj Peter Wraae klarigis pri Esperanto al la invititoj. Okazis aŭkcio, poste kultura program, kiu inkluzivis dancojn de Majhi- kaj Chaudari-komunumoj. La grupo kantis la Esperanto-himnon, kaj f-ino Anuradha Baral kantis Esperantan kanton. La programo finiĝis per internacia vespero. La grupo alvenis Katmanduon en la 10a de marto, sed 3 japanaj samideanoj pro malsano devis pli frue reiri.

Okazis neformala adiaŭa vespero en Esperanto-domo en Thamel, kun vespermanĝo preparita de NEspA-volontuloj. Oni kantis kaj babilis dum tiu lasta vespero.

La ĉi-jara Renkontiĝo estis ege sukcesa pro diversaj kialoj. Ni povis propagandi nian lingvon en la orienta parto de Nepalo, kies centro estas nun Itahari. Niaj samideanoj havis ŝancon viziti lokojn, kien normalaj turistoj apenaŭ iras. La bonkora bonvenigado de la

urbestroj kaj loĝantoj de Itahari kaj Sangu per loka folklora muziko kaj la radiaj kaj televidaj elsendoj sendube montriĝos fruktodonaj por nia movado. Cetere ni fondis Narajani-Esperanto-Societon en Simala survoje al Itahari en la 28a de februaro, kaj grupo da novaj lernantoj de Esperanto bonvenigis nin vespere per ŝalo. Ĉi-jare okazis 6 gravaj prelegoj en Itahari kaj s-ro Hori Jasuo estis intervjuita de loka radio elsendo. Ni esperu, ke la celo de la Renkontiĝo, nome disvastigi Esperanton en nia lando, pli kaj pli sukcesos.

Fine ni dankas al ĉiuj organizoj kaj individuoj, kiuj helpis nin por sukcesigi la 10an jubilean renkontiĝon en Nepalo, precipe UEA kaj KAEM. Nome de la organizantoj mi pardonpetas, se ni iam kreis malĝojan etoson dum la vojaĝo.

La 11a Himalaja Renkontiĝo okazos en la okcidenta parto de Nepalo. Ni iros al Pun Hill, kie vi de la hotelĉambro vidos la montojn Dhaulagiri, Machapuchhre kaj Annapurna.

Raportas Bharat K Ghimire

## La 11-a Nacia Kongreso de NEspA

La 11-a Nacia Kongreso de Nepala Esperanto-Asocio (NEspA) okazis en la 11-a de februaro 2013 en Padmakanya School, Dillibazar, Katmanduo. Partoprenis 65 esperantistoj, pli ol duono de la tuta membraro.

Homoj komencis alveni je la 8a matene. Kiel kutime, ili babilis kaj atendis ĝis sufiĉe multaj kolektiĝis. Finfine la programo komenciĝis je la 10a. La programo estis dividitaj en du sesioj. La unua sesio komenciĝis per la internacia himno "La Espero". Poste s-ro Himalal Parajuli enkondukis unuminutan silentperiodon memore al s-ro Dipika Shrestha (22-jaraĝa), membro de NEspA. S-ro Bharat Ghimire bonvenigis la kongresanojn. S-ro Mukunda Raj Pathik diris kelkajn vortojn pri Esperanto kaj la historio de NEspA. Bondezirmesaĝo kaj tradukita poemo de Punya Prasad Acharya de Philip estis legataj de la Ĝenerala Sekretario.

Reprezentantoj de diversaj branĉoj: s-ro Bishawamber Ghimire (Nepala Esperanto-Movado, Babahrmahal), s-ro Himalal Parajuli (Pokhara Branĉo), s-ro Janardan Upreti (Mechi-Esperanto-Societo), s-ro Shree Pokharel (Orient-Nepala Esperanto-Societo) rakontis pri agadoj, planoj kaj sugestoj siaflanke. Bondezirmesaĝoj el diversaj landoj kaj organizoj estis legataj.

La jara kaj financa raportoj estis prezentataj de respektive s-roj Bharat Ghimire kaj Shree Pokharel. Membroj komentis, faris demandojn kaj fine aprobis ambaŭ raportojn.

La unua sesio finiĝis per parolado de la kunvenestro, s-ino Indu Devi Thapaliya, prezidantino de NEspA. Je la fino ŝi eksigis la estraran komitaton de la pasintaj 4 jaroj. Oni elektis tripersonan komitaton (s-ro Baburam Neupane, s-ro Pnya Prasad Acharya kaj S-ino Deepa Dahal) por gvidi la ĉi-jaran elekton.

La anoncisto de la unua sesio estis S-ro Himala Parajuli.

En la dua sesio okazis la elekto de la nova estraro de NEspA. Jen ties novaj membroj, elektitaj por du jaroj:

Prezidanto: s-ino Indu Devi Thapaliya (reelektita)
Vic-prezidantoj: s-roj Himalal Parajuli kaj Shree Prasad Pokharel
Ĝenerala-sekretario: s-ro Bharat Kumar Ghimire (reelektita)
Sekretario: s-ro Bishawamber Ghimire
Kasisto: s-ino Shakuntala Dhakal
Membroj: s-ro Navin Lal Shrestha, s-ro Bharat Parajuli
s-ino Binita Rimal, s-ro Deepak Shrestha
s-ro Hari Ghimire

La kongreso ankaŭ reelektis s-ron Mukunda Raj Pathik al KAEM por venontaj tri jaroj.

Mi gratulas la nove elektitajn estraranojn kaj deziras sukcesan kunlaboron en la venontaj du jaroj, kaj samtempe dankas al la malnova komitato pro ties kvarjara laborado.

Raportas: Bishawambar Ghimire (BG Mondo)

# Mongolio

## Nova estraro de Mongola E-Societo

Okazis la Ĝenerala Kunveno de Mongola Esperanto-Societo. Oni elektis novan estraron de la asocio. Jen estas la nomlisto de ili:
1) s-ro Sosorbaram Chinbold, Prezidanto;
2) s-ino Baldorj Chuluundolgor;
3) s-ino Boldbaatar Munkhsaruul;
4) s-ino Dorj Gandolgor;
5) s-ino Khorloo Tserendejid.

Novelektita estraro denove prilaboros asocian laborplanon surbaze de ĝenerala laborplano de MES dum 2012-2015.

La estraro decidis, ke poste oni elektos vicprezidanton kaj ĝeneralan sekretarion.

Dum la kunsido oni ankaŭ elektis s-ron Chimedtseren Enkhee kiel ĉefrevizoron, kaj s-rojn Khurgaa Dashdorj kaj Tulshig Tsogbadrakh kiel ceterajn revizorojn.

Dorj Gandolgor Mongola Esperanto-Societo

## Komerca Servo Mongolia - KoSeMo

Karaj legantoj! Per tiu-ĉi mesaĝo, ni deziras informi vin pri tio, ke ĉe Mongola Esperanto-Societo ekfunkcias Komerca Servo kunlabore kun kelkaj mongolaj kompanioj kaj kolegioj, por plibonigi ekonomian bonhavon de la asocio kaj reale utiligi Esperanton en praktiko de komerca kampo por ke ni montru ke Esperanto estas utila je komerco, turismo ktp.

La respondeculoj de la Komerca Servo jam kontaktas kaj kune esploras kun la kompanioj kaj kolegioj pri ebleco de kunlaborado.

Tial, ni petas vin kaj alvokas, kunlabori kun ni en la komerca kampo. De nia flanko proponotaj kunlaboroj (komerca perado) povus esti:

1. perado de eksportoj kaj importoj

2. turismo
3. edukada perado (ĉar mongolaj junuloj multe ŝatas aliĝi al fremdaj universitatoj aŭ lernejoj)
4. kultura interŝanĝo (ekz. folklora ensemblo, arta ekspozicio, moda prezentaĵo ktp)
5. organizi komercajn konferencojn kunlabore kun partneraj organizoj, ktp.

Nu, bv. sendi viajn mesaĝojn, proponojn kaj demandojn, mi certe vigle respondos al vi. En la lastaj jaroj mongola ekonomio draste kaj rapide progresas kaj antaŭvide tiu prosperiĝo longe daŭros. Danke al grandiĝo kaj fortiĝo de mongola ekonomio realiĝas multe da industriaj kaj infrastrukturaj projektoj enlandaj kaj internaciaj.

Nia Servo jam ekis kunlaboradon kun Esperanto-Asocioj en Xi'an, Jinchuan kaj Interna Mongolio en la kampo de komerco kaj turismo. Ankaŭ vin ni invitas kunlabori!

S-ino Dorj Gandolgor, plenuma direktoro de KoSeMo - Komerca Servo Mongolia
komercaservomongolia@yahoo.com
http://72.41.205.72/eo/

## Koreio

### ILEI-Seminario en Orienta Azio

De la 21-a ĝis la 24-a de januaro 2013 okazis 'La 3-a ISOA (ILEI-Seminario en Orienta Azio)' en la urbo Iksan, Koreio.

La 1-a ISOA okazis en la urbo Tienjin, Ĉinio, en la jaro 2011, la 2-a ISOA okazis en la urbo Kunming kiel unu el la programeroj kadre de la 45-a ILEI-konferenco. En la 3-a Seminario, ĉeestis 41 esperantistoj ne nur el la Orienta Azio sed ankaŭ el ekster la regiono. (El Koreio 25, Ĉinio 9, Japanio 4, Hungario 1, Novzelando 1 kaj Litovio 1)

La seminario abundis je diversaj temoj rilate al la seminaria temo 'Esperanto-instruado en lernejo'. Jen mi listigas la temojn, kiuj estis prezentitaj en la renkontiĝo.

La utileco de Esperanto en mia profesia kariero (MARKUS Gabor el Hungario), Universitata Esperanto-Edukado en Koreio (LEE Jungkee el Koreio), La junulaj movadoj de Esperanto en Heilongjiang-Provinco, Ĉinio (Song Ping el Ĉinio), Esperanto-instruado en japanaj lernejoj (ISIKAWA Tieko el Japanio), Komunaj problemoj pri Esperanto-instruado/lernado en ĉinaj altlernejoj (GONG Xiaofeng), Amuza lando de Esperanto (MA Youngtae el Koreio), Ĉiutaga Esperanto! (PARK Yongseung el Koreio), Lernolibro kaj kurso (Yamasita Tosihiro el Japanio), Mi kaj mia biciklo (Xiong Hui el Ĉinio) kaj invitita leterprezentado de Stefan MacGill, prez. de ILEI, kun la temo 'Principoj por la 125-parta retkurso'. Post la respektivaj prezentadoj sekvis arda diskuto kaj disputo.

Dum la seminaria periodo oni ĝuis la duontagan ekskurson en la najbara urbo Jeonju, kiu estas fame konata kiel la urbo de antikva heredaĵo. La ekskurso estis gvidata de s-ino CHOI Eunsuk, esperantista ĉiĉerono.

Tra tiu ĉi seminario, ĉiuj ĉeestantoj memspertis, ke la komuna kunsido inter ĉefe trilandaj ILEI-anoj estas tre signifoplena kaj indas daŭrigi la seminarion senpaŭze por plialtigi lingvokapablon kaj por pliprofundigi instruo-sciojn, kiujn ILEI-anoj memspertis.

Estas notinde, ke 55-paĝa seminaria libro estis jam presita fare de s-ino CHO Myungja antaŭ la seminario kun prezentotaj dokumentoj. Tio estas tre oportuna kaj efika por sukcesa seminario.

Profitante tiun ĉi ŝancon, mi kore dankas al ĉiuj, kiuj sendis sian prezentaĵon anticipe por prepari la seminarian libron.

La 4-a ISOA okazos en Japanio en la jaro 2014. Transdonante la verdan standardon de Korea sekcio al Japana, la 3-a ISOA fruktoplene fermiĝis kun la promeso, ke ILEI-anoj rerenkontiĝos venontjare en Japanio. LEE Jungkee (Korea sekciestro de ILEI)

# Vjetnamio




Mi ĝoje anoncas al vi, ke matene de la 17a de januaro 2013, ĉe VSK-lernejo, okazis inaŭguro de Esperanto-trejnado kurso. Kiel vi probable scias, VSK estas la mallongigo de Vjetnamaj Super-Knaboj. VSK-infanlernejo por 3-6-jaraj geknaboj apartenas al la VSK-grupo estrita de ĝia ĝenerala direktorino Lai Thi Hai Ly.

VSK-grupo celas apliki la fruan lernadon ĉe infanoj eĉ antaŭ la naskiĝo. Ju pli la infano lernas, des pli efika estas la rezulto. Kadre de tiu ĝenerala koncepto, VSK-grupo malfermas diversajn kursojn por interesuloj, precipe por geedzoj, kiuj sendas siajn infanojn al VSK-lernejo, aŭ novgeedziĝintaj paroj, kiuj intencas apliki la koncepton de frua lernado.

Kadre de tiu koncepto, tiu ĉi Esperanto-trejnado estas organizita por ke la gepatroj aŭ ontaj gepatroj povu instrui Esperanton al siaj

infanoj kiel helpilon por lernado de pliaj aliaj lingvoj. Plejparto de la 17 gelernantoj estas oficistoj okupantaj ŝlosilpostenojn en diversaj kampoj de aktiveco en la socio. Krom ilia gepatra lingvo, ili scipovas almenaŭ 2 el la jenaj lingvoj: angla, franca, hispana, ĉina.

Dum 2-hora kurso, Hai Ly prezentis enkondukon al Esperanto, la aŭtoro de Esperanto, la flago kaj la himno de Esperanto. Oni lernis la unuan lecionon de "Mazi en Gondolando", legis modelan leteron al amiko por sinprezento, adoptis individuan esperantan nomon. Estos kreita blogo ĉe Facebook por interŝanĝo nur en Esperanto. Post 2 horoj, ĉiuj kapablis korekte prononci ĉiujn Esperanto-vortojn Unu lernanto estis petata laŭtlegi la modelan leteron, kaj li diris, ke danke al la unua leciono kaj lia scipovo de aliaj lingvoj, li komprenis pli ol duonon de la enhavo de la letero. Temas, do, pri tre speciala kurso, kies lernantoj estas plene motivitaj, kies metodo estas tute nova, uzante Facebook-on kiel ludkorton por praktiki la lingvon. La kurso inkluzivas 16 du-horajn kunsidojn kaj daŭras maksimume 3 monatojn.

Tio estas defio por la kursgvidanto, la lernantoj kaj espereble, ĝi atingos atenditajn rezultojn. Priskribo pri la kurso estas sendita al edukado.net

Raportas: Nguyen Thu, estro de Trejna Komisiono de VEA, membro de vjetnama landa sekcio de ILEI

## Traduko de la novelo Nguyen Cong Hoan

Karaj legantoj, mi invitas vin legi mian Esperantan tradukon de la novelo de Nguyen Cong Hoan "Người ngựa và Ngựa người" (1931), kun esperanta titolo "Geĉevaloj - homaj", 82 jarojn post apero de la originala verko. Bonan legadon.

http://www.ipernity.com/blog/xuanautuno32/447938

Nguyen Xuan Thu <autuno32@gmail.com>

# Pakistano

## Tago de Gepatraj Lingvoj en Pakistano

En la 21a de februaro 2013, Centra Oficejo de Pakistana Esperanto-Asocio (PakEsA) aranĝis Seminarion okaze de la speciala tago, nome "Tago de Gepatraj Lingvoj-2013" en la urbo Multano, en kiu personoj de diversaj fakoj partoprenis inkluzive de profesoroj de universitatoj, reprezentantoj de diversaj asocioj, verkistoj, poetoj kaj aliaj. F.M-radio, Pakistana radio, Geo- kaj Rohi-televidoj ankaŭ raportis.

Oni prelegis kaj diris, ke ĉiuj pakistanaj, lokaj kaj gepatraj, lingvoj havas kapablon de tradukado. Homoj havas krean kapablon en gepatraj lingvoj. Lingvoj neniam mortas, sed vivas pro siaj parolantoj. Estas necese por ni konservi gepatrajn lingvojn. Angla lingvo estas lingvo de imperiismo, pro kio multaj lingvoj en la mondo mortas.

Pere de rezolucio, oni alvokis al la registaro, ke ĝi finu uzi la anglan lingvon kiel oficialan lingvon de Pakistano kaj faru la urduan lingvon kiel nian registaran kaj oficialan lingvon. Niaj gepatraj lingvoj progresados, kiam la urdua lingvo fariĝos nia oficiala lingvo.

Oni ankaŭ alvokis por fari medion de edukado en gepatraj lingvoj ĝis la elementa nivelo. S-ro Tariq Umer Ch., ĉef-gvidanto de PakEsA kaj nia KAEM-ano, diris, ke gepatraj lingvoj estas donaco de Allah por ĉiu infano, kaj infanoj, kiuj ricevas edukadon en gepatraj lingvoj, montras plej krean kapablecon. Ni ĉiuj devas labori por konservi niajn gepatrajn lingvojn loke, kaj nacian lingvon nacie, kaj labori por Esperanta movado por kontakti internacie, ĉar Esperanto estas internacia lingvo, kiu subtenas por homoj lingvan rajton.

Shabbir Ahmad Sial Shabbir Ahmad Sial

# Japanio

## Bonvenon al la 100-a Japana Esperanto-Kongreso, 2013. "Esperanto ligas homajn korojn".




**Dato:** la 12-a, 13-a, 14-a kaj 15-a de oktobro 2013
**Kongresejo:** Turo-Halo Funabori (Tower Hall Funabori), Kvartalo Edogawa, Tokio
**Kongresa Temo:**
Esperanto ligas homajn korojn --- de la pli ol 100-jara historio al estonteco

**Historio de la Japana Kongreso** Vidu nian historion.
**Tagordo** Ĉefaj programeroj (provizoraj)

La 12-an de oktobro (sabate)
Posttagmeze: Fakkunsidoj, Inaŭguro
Vespere: Bankedo (en kongresejo)

La 13-an de oktobro (dimanĉe)
Antaŭtagmeze: Fakkunsidoj
Posttagmeze: Publika Prelego
Temo: Esperanto en Japanio, Japanio en la Esperanto-movado: lerni de historio por estontaj perspektivoj

1. Prof. Gotoo Hitosi (Toohoku-Universitato)
   Esperanto en la moderna historio de Japanio
2. S-ro Ulrich Lins (kun interpretisto)
   Kontribuo de la japana Esperanto-movado al la monda Esperanto-movado
3. Prof. Kimura Goroo Christoph (Sofia-Universitato)
   Esperanto kiel “dialoga ponto” en la mondo kaj en Japanio

Vespere: Publika evento (Koncerto ktp.)

La 14-an de oktobro (lunde)

Antaŭ- kaj posttagmeze: Fakkunsidoj, Prelegoj
Vespere: Amika Vespero (en kongresejo)
La 15-an de oktobro (marde)
Antaŭtagmeze: Fakkunsidoj, Ferma Soleno
Postkongresa ekskurso al "Tokyo Sky Tree"
Pli da informo: http://jek100.esperas.info/index.php?FrontPage

## Raporto de "2013 Internacia Virina Tago de Hiroŝima"

Kun multaj dankoj mi raportas al vi pri la evento.

La 3-an de marto okazis la kunveno por la Virina Tago ĉe la Centro de Komuna Partopreno de Geviroj de la urbo Hiroŝima kun 139 aktivuloj el 23 virinaj organizoj kaj la municipo Hiroŝima.

Unue s-ino OSIOKA Taeko, vicprezidanto de la plenuma komitato salutis, kaj voĉlegis mesaĝon de KEVA (Konga Esperanta Virina Asocio). La partoprenantoj ricevis ĉe giĉeto broŝuron de la programo de la kunveno, kies plejparto estis la mesaĝoj el diversaj mondopartoj.

Kaj, sub la temo "Feliĉo de Virinoj" prof. TURU Tamiko unue menciis tiel ke "Laŭdinda estas la mesaĝo de KEVA transdonita per Esperanto." Kaj dum 90 minutoj prelegis pri socia bonfarto de virinoj en la mondo antaŭ plenplenaj ĉeestantoj.

La ekspozicio de la mesaĝoj daŭris ĝis la 22-a de marto, ĉe la urba centro, kie urbanoj havas diversajn eventojn. Ni, Hiroŝima Esperanto-Centro, ankoraŭfoje dankas vin ĉiujn pro viaj kunlaboroj por interŝanĝo de mesaĝoj de la "2013 Internacia Virina Tago de Hiroŝima", kiu sukcesis nur per la ponta lingvo Esperanto kaj vi esperantistoj.

Jen, sume 222 mesaĝoj el 57 landoj kaj teritorio:

**Azio:**
Ĉinio 3/ Irano 2/ Israelo 3/ Koreio 4/ Malajzio 1/ Nepalo 2/ Pakistano 3/ Tajvano 1/ Uzbekio 1/ Vjetnamio 3.
**Afriko:**
Benino 1/ Burundo 1/ Ebur-Bordo 1/ Kongo 1/ Malio 2/ Tanzanio 2.
**Oceanio:**
Aŭstralio 4/ Novzelando 1.
**Norda ameriko:**
Kanado 2/ Usono 3.
**Suda Ameriko:**
Argentino 1/ Brazilo 5/ Kolombio 1/ Kubo 1/ Meksiko 1/ Peruo 1.
**Eŭropo:**
Albanio 1/Armenio 2/ Aŭstrio 4/ Belgio 17/ Britio 3/ Bulgario 6/ Ĉeĥio 6/ Danio 2/ Estonio 1/ Finnlando 1/ Francio 47/ Germanio 10/ Grekio 2/ Hispanio 2/ Hungario 6/ Irlando 1/ Islando 2/ Italio 15/ Kroatio 4/ Litovio 2/ Luksemburgio 2/ Nederlando 6/ Pollando 1/ Portugalio 2/ Rumanio 3/ Rusio 4/ Serbio 6/ Slovenio 2/ Svislando 4/ Svedio 6/ Ukrainio 1.

s-ino OSIOKA Taeko osioka@mua.biglobe.ne.jp
Hirosima Esperanto-Centro komisiite de la Plenuma Komitato de 2013 Internacia Virina Tago de Hirosima

# Kamboĝo

## Ni atendas vian helpon

Saluton! Koran dankon por via amikeco, mi estas membro de Kamboĝa Esperanto-Asocio. La situacio de Esperanto en mia lando estas, ke ekzistas iom da movado, kaj en nia Asocio ankaŭ ni havas instruadon kaj kelkaj gestudentoj jam lernis ĝin. La Esperanto-movado en Kamboĝo estas malrapida, ĉar post kiam oni lernis ĝin, ĝi ne estas uzebla kaj oni ne trovas laborojn per la lingvo. Nun s-ro Sokha, mi kaj ĉina esperantisto planas Esperantan

Turisman Servon. Ni esperas, ke post kiam nia servo funkcios, oni pli interesiĝos pri Esperanto. Kion vi opinias pri nia plano?

Nia Asocio bezonas helpon de vi kaj aliaj Esperanto-Asocioj.

## Esperanta turisma servo

Nia grupo kaj asocio fondis Esperantan turisman servon en Kamboĝo por kreskigi kaj oferti laborlingvon al niaj membroj. Ni aranĝas vojaĝgrupon de Esperanto. Mi bezonas viajn ideojn por organizi vojaĝgrupon al Kamboĝo.

Sreng Teklong Angkor Esperanto

## Retlistoj de Azia Esperantujo

1. Informa kaj diskutada retlisto pri Esperanto, esperantistoj kaj E-movado en Azio: azio@yahoogroups.com
   Kiu ajn rajtas aliĝi al la listo. Por aliĝi al ĝi oni sendu al la retadreso sian mesaĝon: azio-subscribe@yahoogroups.com
2. Diskuta retlisto de aziaj respondeculoj pri movadaj temoj (prezidantoj, estraranoj, eks-prezidantoj, direktoroj kaj aliaj respondeculoj kaj aktivuloj de landaj asocioj kaj lokaj kluboj ktp rajtas aliĝi): azia-agado@yahoogroups.com
   Por aliĝi al ĝi oni sendu al:
   azia-agado-subscribe@yahoogroup.com
3. Diskuta kaj voĉdona retlisto de KAEM (nur KAEM-anoj aliĝas):
   azia-komisiono-de-uea-kaem@yahoogroups.com

Ne nur membroj, sed kiu ajn povas sendi sian mesaĝon al supre menciitaj du laborlistoj pri movadaj problemoj, ne aliĝinte al la listoj. Via mesaĝo atingos ĉiujn listanojn samtempe! Viaj aliĝoj kaj komentoj, konsiloj, proponoj kaj kritikoj estas bonvenaj.

4. KAEM-informoj en Vikipedio/Wikipedia. Jen estas ĝia adreso: http://eo.wikipedia.org/wiki/Azia_Komisiono_de_UEA

Chimedtseren Enkhee encho@yahoo.com

## UEA-membriĝo

Ĉiun jaron UEA akceptas membrojn subvenciitajn de UEA pere de KAEM. Ĉi-jare entute 139 homoj estis akceptitaj kiel membroj de UEA.

| | | |
|---|---|---|
| Vjetnamio: 47 | Ĉinio: 24 | Mongolio: 16 |
| Pakistano: 21 | Indonezio: 4 | Nepalo: 27 |

*En oktobro aperos anonco pri UEA-membriĝo por la jaro 2014.

## Esperanto-eventoj ===

7.12 ~18 La 46a ILEI-konferenco / Herzberg-Sieber (Herzberg am Harz), Germanio
7.20 ~ 27 La 98a Universala Kongreso de E / Rejkjaviko, Islando
8.16 ~ 20 La 7-a Esperanto-Kongreso de Nordoriento kaj Interna Mongolio de Ĉinio (EKNI) / Jilin-a Universitato, Changchun,
8.19 ~ 26 La 89a Internacia Junulara Kongreso / Nazareto, Israelo
10.12 ~15 La 100a Japana E-Kongreso / Tokio, Japanio
10.26 ~ 27 La 45a Korea Kongreso de E / Inchon, Koreio
10.26 ~ 27 La 54a Toohoku-E-Kongreso / Jamagata, Japanio
11.9 ~ 10 La 14a Ĉuugoku-Ŝikoku-E-Kongreso / Hiroŝima, Japanio

**KAEM-anoj (Vidu la paĝon 5)**

…………………………………………………………………….

Esperanto en Azio
Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
telefono: +81-3-3203-4581 fakso:+81-3-3203-4582
retpoŝto: <esperanto@jei.or.jp>
TTT-ejo de KAEM: http://www.esperantoazia.net/
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0825 Gunma-ken Maebaŝi-ŝi Ootone 2-13-3